# VERDA STELO

GAZETO ESPERANTISTA

LA MALKARA MONATA ORGANO INTERNACIA DE ĈIU ESPERANTISTO

**Abono.**

Simpla jarabono 2.50 sv. fk.

Kolektivaj abonoj al unu adreso: minimume 5 abonoj po 2.— sv. fk. minimume 10 abonoj po 1.50 sv. fk.; minimume 25 abonoj po 1.20 sv. fk.

La prezoj validas nur ĉe antaŭa pago por tuta jaro. Ĉe alimaniera pago (monata, kvaronjara k. a.) unu numero kostas 0,25 sv. fk., 5 ekz. de unu numero po 0.20 sv. fk., 10 ekz. po 0.15 sv. fk., 25 ekz. po 0.12 sv. fk.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

**Reklamo.**

Anoncoj: po unucentimetra kolonero (8,5 cm larĝa) egalvaloro de 3.— sv. fk.

Anoncetoj (nur kontraŭ antaŭa pago): po enpreso kaj vorto (aŭ mallongigo) egalvaloro de 0.10 sv. fk., minimume 1.— sv. fk.

Rabato: 3 foje 10%, 6 foje 15%, 12 foje 20%.

Pagante per agento, aldonu 20% por perado.

Adreso:
Heroldo de Esperanto
Horrem bei Köln (Germanujo)
Fako: Verda Stelo.
Redaktoro: Teo Jung.
Kunlaborantoj en la tuta mondo.

**Diverslandajn valutojn ni akceptas je sekvanta kurzo:**

0.10 svisa franko = 0.05 arg. peso, 1 angla penco, 0.14 aŭstra ŝilingo, 0.14 belgo 0.16 braz. milr., 3 bulg. levoj, 0.65 ĉsl. krono, 0.07½ dana krono, 8 est. markoj, 0.80 finna marko, 0.50 fr. franko, 0.08 germ. marko, 1.50 gr. drakmoj, 0.12 hisp. peseto, 0.11 pengo, 0.35 itala liro, 0.04 jap. jeno, 1.10 jsl. dinaroj, 0.10 latva lato, 0.20 litova lido, 0.05 nederl. guld., 0.08 norv. krono, 0.17 pola zloto, 0.40 port. eskudo, 4 rum. leoj, 0,07½ sveda krono, 0.04 turka funto, 0.02 urugv. peso, 0.02 usona dolaro.

La diversajn valutojn ni akceptas nur el la koncernaj landoj, sed el ĉiu lando ni akceptas pagon per sv. fk., germ. rmk., us. dolaro, angla funto, nederl. guldeno aŭ sveda krono.

N-ro 3 — Marto — 1928

# Antverpeno vokas vin!

Reĝin' de l' Skeldrivero —
Ho, restis en imag'
Belega tiu tag'!
Vi iris el murar' al ombro de l' somero,
Ornamis vin la festa vest'
Kaj rid' sur lip', gracia gest'.
Svarmanta l' amasig' de via infanaro
Aspektis dense kiel papilia aro
Diverskolora kaj ĝuanta pri l' aer'.
Mi diris: regas vin ankoraŭ ĝoj', sincer'!

Tiel la flandra poeto Ledeganck ekkomencas sian entuziasman odon al Antverpeno kaj tiel la estonta esperantista kongresano ekkonos la gloran komercan urbon laŭ ĝia ekstera lukso, laŭ ĝia malafekteco!

Victor Hugo, la fama franco, kiu vizitis la urbon, laŭdis ĝin per la vortoj: „Tiu urbo estas admirinda. Pentraĵoj en la preĝejoj, skulptaĵoj en la domoj, Rubens en la kapeloj, Verbruggen sur la fasadoj; ĝi estas plena de arto. Oni malantaŭenpaŝas por admiri la portalon de la preĝejo, oni tuŝas ion, oni rigardas: estas puto, puto belega je skulptita ŝtono kaj forĝita fero kun statuetoj. De kiu estas tiu puto? De Quinten Matsys. Oni turnas sin. Kia estas tiu vasta konstruaĵo kun tiu bela fasado renesanca? Estas la urbdomo. Oni faras dek paŝojn. Kiu desegnis tiun grandan fasadon rokokan, tiel flamantan kaj riĉan? Estas Rubens. La tuta urbo estas tia.” Kaj vere, la grandaj Antverpenaj artistoj, la mondfamaj reprezentantoj de la flandraj konstru- kaj pentro-skoloj, metis sian genian stampon sur la pompan veston de la Reĝino de l' Skeldo!

Appelmans komencis la konstruon, daŭrintan du jarcentojn, de la okulrava ĉefpreĝeja turo, unu el la plej altaj ekzistantaj. Rubens konstruigis sian rimarkindan palacon, en kiu li laboris por la tuta mondo. En la Muzeo de Belartoj kaj en la Ĉefpreĝejo troviĝas liaj plej famaj majstroverkoj. Herman De Waeghemakere konstruis la „Halon de la Buĉistoj” — belan gotikan domegon, kiu nun estas muzeo de artindustriaĵoj, kaj faris la planojn de la Sankta Jakobo-preĝejo — vera muzeo, en kiu troviĝas ankaŭ la tombo de Rubens. Dominiko De Waeghemakere estas la arkitekto de la „Steen”, malnova fortikigita kastelo, la naskejo de la urbo, datumanta jam de la 9-a jarcento, nun muzeo de antikvaĵoj. La sama De Waghemakere konstruis la Sanktan Paŭlo-preĝejon, en kiu estas belaj pentraĵoj de Van Dyck, Jordaens k. a. Antverpeno ja estas vera muzeo!

Interesa monumento de la 16-a jarcenta renesanca vivo estas la bela domo kun presejo de Kristoforo Plantin, la arkipresisto de Filipo VI-a, la plej grava tipografo de sia tempo. En ĝi nin tute kaptas la spirito de pasinteco, kaj ĉio nin incitas al intelekta revado. En ĝi ni popaŝe povas sekvi la historion de la Antverpenaj artoj; en ĝi ni povas admiri la gravajn eldonaĵojn de Plantin, kiel la ok partojn de la multlingva biblio, la maloftajn artplenajn manuskriptojn.

Flanke de tiu arta kaj spirita vivo de l' malnova Antverpeno bruegas la potenca vivo de l' metropolo, ege kontrastante. La haveno, la plej granda de centra Eŭropo, estas la fonto de riĉeco de la tuta lando. Oni observu la agemon sur la riverego, starante sur la terasoj laŭlonge de la Skeldo; oni ĉeestu la funkciadon de la fortikaj perakvaj arganoj, oni admiru la laboron de la malŝarĝuloj masivaj kaj larĝaj, kiuj ofte inspiris poeton kaj pentriston, kaj oni interesite rigardu iliajn helpantojn fidelajn, la muskolajn Brabantajn korporaciĉevalojn senpene trenantajn la plej pezajn ŝarĝojn, ja oni aŭskultu ĉie la altan kanton de agemo kaj laboro!

La moderna Antverpeno, kiel la haveno, ege disvastiĝis, tial ke la teritorio havas surfacon de 7856 hektaroj kun loĝantaro de 450 000 homoj (kun la antaŭurboj). Flanke de la pitoreskaj popolaj kvartaloj, la moderna urbo admirigas siajn fierajn domegojn, ĝiajn kolorriĉajn florbedojn kaj ĝi havas plie maloftan allogaĵon: la zoologian ĝardenon kun riĉaj kolektoj da bestoj.

La Granda Placo en Antwerpen kun la Urbestrarejo kaj la gildodomoj.

Al tiu mondfama urbo ni invitas veni la tutmondan samideanaron dum la venonta monato aŭgusto. La unuaj centoj da kongresanoj sin jam enskribigis. Estas via nomo, leganto, kiu estas ankoraŭ atendata de la gastema Reĝino de la Skeldo!

Tyneverum.

## Tra la mondo.

Antaŭ kelkaj semajnoj mi legis leteron de sveda samideano (Emil Sahlgren en Uddevalla), en kiu esprimiĝas la printempsopiro de l' nordlandano. Jen la teksto de lia letero:

Hodiaŭ cignaro flugis norden. La blankaj korpoj brilis alte en la bluaĵo — momenteton. Per sopirantaj rigardoj mi sekvis la blankularon, ĝis ĝi malaperis malproksime super la dorsoj de l' montoj. Ili kunportis la unuan sciigon pri la printempo, tiuj belaj liberaj birdoj, kiuj dum la vintro loĝis en la glacitruoj ĉe la marbordo kaj tie batalis malesperigan batalon kontraŭ glacio kaj neĝo, kontraŭ monedoj kaj kornikoj. Ankoraŭ restas du monatoj, antaŭ ol venos la efektiva printempiĝo ĉi tie en la nordo. Ĵus nun la neĝa kovrilo estas forŝirita kaj la lagoglacio akviĝis pro vento kaj suno; sed la tagoj estas nur briletoj de lumo, kaj morgaŭ eble nova neĝoblanka tavolo estos kovrinta la brunan teron kaj niajn grizajn stratojn.

Estu pardonate, ke oni dum tiaj nigretaj kaj malserenaj tagoj deziras, ke oni estu arabo, kiu sidas antaŭ la propra tendo en oazo, havante tason da kafo inter la genuoj, enprofundiĝinte en kontemplado kaj alta trankvilo, la rigardon direktinte al la bruna horizonta linio, malproksime, malproksime, kie la suno malleviĝas en la varman sablomaron.

Ĉe ni la maro estas klarverde malvarma, kaj ĉe la marbordoj rigidiĝas ĝiaj kavetaj ondoj je glacio, kiu dispeciĝas kaj kies eroj kantas dormigan kanton ĉe la batado kontraŭ ŝtonoj kaj ŝeroj (insuletoj) en la lulanta ritmo de l' ondoj.

Dumnokte la steloj lumegas, brile grandaj kaj serenaj, kaj la luno brilas grandioza kaj blankega sur nin tra la branĉeta krado de l' arboj. La violkoloraj pendaĵoj de l' alno briletas en la lumo, kaj la rektaj, blankaj trunkoj de l' betuloj desegniĝas akre kaj klare kontraŭ la fundo verdnigra de l' konifera arbaro. La nudaj kronoj de la foliarboj kuniĝas je forema, violbruna nubeto. La burĝonoj ŝveliĝas. La suko ŝaŭmas interne de la ŝelo de l' trunkoj. En la malproksimo estas aŭdata krio de libera birdo super la akvo de l' fjordo.

Fluas akvo de glacietoj de la montoj, akvo-aretoj murmuretas, kaj la riveretoj bolegas. Printempiĝas . . . malgraŭ ĉio.

Printempiĝas . . . malgraŭ ĉio. Sed ne nur en la alta nordo, ankaŭ en la modera zono kaj eĉ en pli sudaj landoj oni sopire atendas la printempon. La printempon kun la klare blua ĉielo kaj milde radianta suno. Nova vivkuraĝo, nova vivoĝojo eniras la koron, kiam verdiĝas la arbaro kaj la kamparo, kiam revenas la hirundoj por reserĉi la lokon, kie en la pasinta jaro ili konstruis sian neston.

For la pezan mantelon kaj la pelton! En la plej profundan angulon de l' ŝranko kun ili! Kaj eksteren en la belan naturon, renkonte al la reviviĝanta kamparo, al ĉarmaj montoj, renkonte al suno!

Observanto.

## Tra Esperantujo.

**15 000 kursolibroj por unu Radio-kurso venditaj en . . . Japanujo.**

En Eŭropo nia movado pli malpli stagnas en multaj landoj; en la malproksima Oriento ĝi antaŭeniras grandpaŝe. Okaze de la Esperanto-kurso disaŭdigita per la Radio-stacio JOAK en Tokio estas venditaj 15 000 lernolibroj, kaj eĉ tiu provizo ne sufiĉis. — Dum la tago de la Esperanta Libro (15-a de decembro 1927) oni disvendis Esperanto-librojn eĉ sur la stratoj de la ĉefurbo. — La grava ĵurnalo „Asahi” premiis dramon de la japana verkisto Ito-Koiĉi, en kiu la aŭtoro konstruas utopian landon kun lingvo Esperanto; la dramo estas filmigota.

**Esperanto en la burĝlernejoj de Wien.**

En la burĝlernejoj de Wien funkcias 23 Esperanto-kursoj kun 605 gelernantoj. La Urba Lerneja Konsilantaro elspezis por aĉetado de lernolibroj 7200 ŝilingojn kaj por necesaj kajeroj 1200 ŝilingojn.

**Tago de la Originala Esperanto-Literaturo.**

S-ano N. Hohlov proponis proklami la 14-an de aprilo (la mortotagon de D-ro Zamenhof) kiel Tagon de la Originala Esperanto-Literaturo.

**Mussolini en Esperanto.**

En Esperanto-traduko aperis prelego de la itala Duko „La antikva Romo surmare”. La verko estas havebla por rmk. 2.20 (inkl. afranko) ĉe la Libreja fako de Heroldo, Horrem b. Köln.

**Pola romano per Esperanto tradukita en la japanan lingvon.**

La konata romano „Marta” de la pola verkistino Orzeszko estas, el la Esperanto-traduko de Doktoro Zamenhof, tradukita kaj ĵus aperis en la japana lingvo. Tradukinto estas s-ro Kijomi-Rikuro.

**La plej rapida informilo pri la Esperanto-movado** estas la ĉiusemajna Esperanto-ĵurnalo „Heroldo de Esperanto”. Petu senpagan specimenon de la administracio en Horrem b. Köln, Germanujo!

## Konataj pacifistoj pri Esperanto.

**Freiherr von Schoenaich** (eks-generalmajoro)

11. 12. 1927:

Se mi ĝis hodiaŭ ne jam estas esperantisto, tiam nur pro tio, ĉar mankis al mi la tempo en la lastaj jaroj. Jam de longe mi intencis fariĝi esperantisto. Krome mi iom scipovas la anglan kaj francan lingvojn, kaj tio sufiĉas por miaj eksterlandaj rilatoj. Sed ĉe ĉiuj kongresoj internaciaj, kiujn mi partoprenis la lastajn jarojn, mi spertis, ke Esperanto nepre estas bezonata por la interkomunikiĝo kun tiaj kongresanoj, kies lingvo ne estas parolata de la plejmulto. Mi pensas al la svedoj, danoj, finnoj, estonoj, latvoj, poloj, rusoj, rumanoj, bulgaroj, turkoj, grekoj ktp. Pri la neceseco de internacia helplingvo mi jam estis konvinkita, kiam mi ankoraŭ nenion sciis pri pacifismo. Jam kiel junulo mi okupis min pri la unua helplingvo Volapük. Mi

bone scias, ke Esperanto ege superas tiun ĉi unuan provon. **Ĉiukaze via letero instigis min komenci la studadon, tuj kiam mi trovos la tempon.**

Franz Carl Endres (eks-majoro)
4. 1. 1928:

Bedaŭrinde mi persone ne trovis la tempon lerni Esperanton. Sed mi lernus ĝin, se mi estus pli juna kaj disponus pri pli da tempo, ĉar internacia lingvo estas necesa. Kaj ĉar ĉiu lingvo kaŭzas jaluzon kontraŭ la alia, kaj ĉar la klasika latina lingvo ne plu povas esti adaptata al la grandega nombro da civilizaciaj esprimoj, **mi kredas, ke Esperanto donas eliron, kiu serioze estu uzata.** Kompare al nacia lingvo, Esperanto havas la avantaĝon, ke ĝi konservas al ĉiu popolo la grandan kulturon de la propra lingvo. Kultur-imperialismon per certa nacia lingvo oni do ne bezonas timi; aliflanke Esperanto donas la eblecon (kondiĉe ke ĝi venku tutmonde) ĉie interparoladi kun samideanoj aŭ sciencaj kolegoj aŭ kun homoj, kiujn oni bezonas en la ĉiutaga vivo. Esperanto donas la eblecon al interkompreniĝado kaj rapide forigas la malkonfidon, kiu nepre ekestiĝas post ĉiu uzado de interpretistoj. **Mi tutkore deziras al la Esperanto-movado feliĉon kaj sukceson!**

## Famo - Gloro - Grandeco.

Antaŭ nelonge Prof. Nikolao Murray Buttler kaŭzis en tuta Ameriko sensacion per la provoka demando: „Ĉu vivas en nia epoko ankoraŭ vere grandaj homoj?"

Li respondis ĝin neante. Laŭ lia opinio ne ekzistas en la moderna tempo tiel gloraj personoj, kiaj vivis en epokoj de Cezaro kaj Napoleono, Homero kaj Goethe, Mozart kaj Beethoven. Li asertas, ke en la nova epoko la homoj estas mezuloj, mankas geniuloj.

La demando de Buttler kaŭzis diskuton.

Krom aliaj respondis al li ankaŭ la germana verkisto Emil Ludwig. Liaj konkludoj estas interesaj kaj sendube ĝustaj.

„Famo ne egalvaloras ĉiam grandecon," li publikigis en la ĵurnalo New York Times. Se ne estus tiel, nekonteste Chaplin estus multe pli glorfama ol Bergson.

Famo, kiu akompanas vivantajn homojn, ne estas taŭga mezurilo por ĝusta taksado de ilia grandeco, — male, famo pli vere malhelpas la prijuĝon de samtempuloj. Dum sia vivo iu artisto, malofte, kaj iu ŝtatgvidanto eĉ neniam estas ĝuste valortaksataj. Kelkfoje ili estas tro malalte ŝatataj, ordinare tro alte, supermezure.

En nia epoko la cirkonstancoj pri vera glorfamo ne evidentiĝas tiel klare kiel en pasintaj epokoj, ĉar la rapideco, per kiu ĉiuj sciigoj disvastiĝas, efikas, ke iu homo famiĝas post plej mallonga tempo, ne havante okazon nerefuteble pruvi la motivon de tiu ĉi famo. La nomo de Lindbergh fariĝis famekonata post unu nokto — ĉikaze tutjuste — al 500 milionoj da homoj; ni tamen ne forgesu, ke la nomo de D-ro Cook same glorfamiĝis, kaj bedaŭrinde la homoj sciiĝis nur malfrue, ke tiu, kiu estis glorigita kiel eltrovinto de Norda Poluso, estis — trompinto.

Ŝajnas, ke la famo elektas nuntempe siajn favoratojn el tute aliaj klasoj kaj profesioj, ol estis tiuj infanoj de l' fortuno, vivintaj antaŭ duona jarcento.

Armegvidantoj ne plu ĝuas glorfamon kiel en pasintaj epokoj. La armeestro estis tiam la plej glora el ĉiuj kunvivantoj. Neniu alia povis gloregali homojn kiaj estis Aleksandro, Cezaro kaj Napoleono. Eĉ decida malvenko fine de ilia vivo ne povis senigi ilin de ilia glorbrilo.

Tamen post tiu tempo, kiam militoj degeneris tiel malalten, ke ili fariĝis nur maŝinmilitoj, la mondo ne emas sciiĝi detalojn pri la personeco de iu venka generalo. Post la mondmilito ĉiuj popoloj starigis bronzajn aŭ marmorajn monumentojn, memorige al Nekonata Batalanto. Al li apartenas la gloro.

Inter ĉiuj popoloj, batalintaj dum la mondmilito, mi trovis neniun popularan generalon escepte de Hindenburg, kiu, kvankam venkinto en multaj grandaj bataloj, kaŭze de fatalaj ekonomiaj kaj politikaj cirkonstancoj ne povis finvenki. Aliflanke estas dube, ĉu la plimulto da Parizanoj ekkonus la marŝalon Foch, malgraŭ tio ke li dank' al helpo de amerikanoj venke finis la militon. Ankaŭ eminentaj ŝtatpersonoj estas neniel eksterordinare ŝatataj. Neeble trovi ie vere kreantan artiston popularan.

En nia epoko la plej grandan internacian reputacion ĝuas „filmaj steloj" kaj „rekorduloj".

Ekzistas neniu tenorulo nek iu reĝo, kies adorantoj povus laŭnombre egaliĝi al la amasego da filmaj entuziasmuloj.



**Muzeo de Belartoj en Antwerpen.**
**Rubens: Adorado de la Tri Reĝoj.**

Ĉi tiu fakto treege malhelpas distingi vere grandajn vivantajn homojn. Historiisto erarigas ofte sin mem kaj sian leganton. Malgraŭ tio estas certe, ke ankaŭ nia epoko povas fieriĝi, naskinte homojn, kiuj atingas efektive tre altan ŝtupon de homa povo.

Emil Ludwig asertas plue, ke hodiaŭ ne ekzistas eminentaj artistoj. Oni povas nomi nur kelkajn talentulojn, kiuj tamen estas laŭdegataj sole de certa grupo da adorantoj. Laŭ lia juĝo inter muzikistoj plej fame konata estas la komponisto Ludwig Mahler, post kies morto oni ne povas nomi iun alian eminentan komponiston. El la vico da pentristoj atingis plej gloran famon Liebermann kaj el verkistoj Bernard Shaw, kiu koncerne al populareco alte superas ĉiujn siajn samtempulojn. „Li estas Voltaire de la dudeka jarcento."

La plej gloraj ŝtatgvidantoj ŝajnas esti Clémenceau kaj Lloyd George, tamen ilia glorfamo rapide velkis post la pactraktato. „Se oni min demandis," skribas Ludwig, „ke mi nomu iun, kiu inter la vivantoj meritas la plej altan admiron, mi respondus, ke tio estas la ĉeĥo Masaryk (elp. Masarik), ĉar li rekreis ŝtaton, jam antaŭ tri jarcentoj pereintan."

La plej grandaj sciencistoj de nia epoko estas laŭ opinio de Ludwig du: unu teoriulo kaj la alia praktika inventisto. La unua estas nova Epimetheus, kiu trapenetris la barojn de la konata mondo per siaj pensoj; la alia estas nova Prometheus, kiu denove forŝiris la fajron de dioj por prezenti ĝin al la homaro. Ili estas Einstein kaj Edison.

La valorigo de gloro laŭ Emil Ludwig estas sendube tre interesa. Lia motivado kaj la principoj, kiujn li argumente klarigas, estas ĝustaj kaj evidentigas la erarojn de profesoro Buttler, kiu opiniis, ke nuntempe ne ekzistas vere grandaj, supernivelaj homoj.

Sed nekomplete nomis Emil Ludwig la plej glorajn homojn de l' nuntempo, ĉar li preterlasis mencii la nomon de tiu modesta, tamen plej glore meritplena viro, kiu kreis la pensesprimilon, komunan por la tuta homaro, la internacian mondlingvon **Esperanto.** La nomo de **D-ro L. L. Zamenhof** glorfamiĝis nun en la tuta mondo, la memoro al li estos ĉiam pli kaj pli respektata, ĝi neniam estingiĝos; la valoro de lia kreitaĵo brilados kreskante iom post iom ĝis plej malproksimaj epokoj, akcelante la homojn al plia kaj plia perfekteco.

Perhak.

## La tuarega tribo — kie virino regas.

En Afriko, inter la rivero Niger kaj la urbo Timbuktu, loĝas interesa, pro siaj moroj, popolo »Tuareg«, kie virinoj okupas speciale privilegiitan pozicion. Oni supozas, ke tiu tribo estas de berbera gento. Ĝi estas dividita en kvar subtribojn, el kiuj la plej granda vivas en la montoj Eir sur la granda karavana vojo inter Mediteranea maro kaj Centra Afriko. Dua subtribo, laŭ grandeco, loĝas en la montaro Hoggar. Post la falo de tiuj triboj en la manojn de francoj, anglaj sektoj sendis tien misiistojn, kiuj donis al ni interesajn priskribojn de sia esplorado pri la vivo de tuaregoj.

Tuaregoj havas reĝon, elektatan de nobelaro, sed kiu ne havas personan aŭtoritaton.

Kiam en la jaro 1905 franca komandanto Laperin venis en la plej fortikigitan parton de la montaro Hoggar, li aŭdis de la ĉefoj, kiuj venis por submetiĝi, pri Turiŝat Uit Ibdakan, virino kun granda influo sur la tribon. Dum atakoj, kiujn francoj faris al ŝia popolo, ŝi ne permesis mortigi la vunditajn francajn soldatojn, sed transportadis ilin en sian hejmon, flegis ilin kaj poste en tuta sekureco ekspedadis al Tripoli. Tiu Tuarega Ruĝa Kruco estas nun kvindek-jara.

Ĉe ĉi tiu tribo la virino estas egalulo de viro. Dank' al sia sobra sintenado kaj rafinita gvidado de socia vivo, kiu nobligas ankaŭ la viron, la virino ĝuas specialan respekton flanke de viro. Tio estas la klarigo, kial poligamio ne aperis ĉe tiu ĉi mahometana popolo. La havaĵo de la fianĉino post edziĝo restas ŝia havaĵo, kaj ĉio portas ŝian apartan markon: kameloj, ŝafoj, azenoj.

## Ekvago.

V. von Scheffel.

Jam ardas montaro,
ekfloras arbaro,
flirtetas ruband'.
La birdo sin levas,
forflugi ĝi devas;
mi estas vaganto,
mi estas vagant'!

Orverde sin vestas
la suno kaj restas
vojakompanant',
karesas per ombro
floretojn sen nombro.
Mi estas vaganto,
mi estas vagant'!

Mi ŝatas la rozon,
en musko ripozon.
Belsonas birdkant'.
Restadu laŭ plaĉo
en ŝtonmura kaĝo!
Mi estas vaganto,
mi estas vagant'!

Tradukis Geo Schmidt.

## Senlabora.

Skizo de Wilhelm Schaer.

Sur unu el la benkoj, starantaj proksime ĉe la predika pupitro, sidas juna virino. Ŝia vesto, malvaste kovranta la fortikan staturon, malkaŝas, ke malriĉeco estas ŝia sorto; kaj ŝiaj larmoj montras, ke ĉagreno emocias ŝian koron.

La edzon, la patron de la infanoj oni forprenis al pundomo. Al mizerego malhonoro sin kunigis. Ŝia edzo fariĝis ŝtelinto kaj enrompinto; dank' al favora destino ne ankaŭ murdinto.

La orgeno mallaŭte eksonas. Kaj dum la preĝantino pro kor-simplanimeco kredas, esti sur la benko sub la predika pupitro plej proksima ĉe Dio kaj Lia vorto, ŝia knabo hel-okule ĉirkaŭrigardas. Forgesante la malsaton, kiu turmentas lin, li aŭdas la muzikon de la anĝeloj kaj li vizitas la kristinfanon.

„Sinjorino, ĉi tiu sidloko estas lu-donita; sed transe, post la kolono, tie neniu ĝenos vin!"

La kompatinda virino levas la rigardon. Akre kaj senkompate du okuloj fikse rigardas rekte en ŝian vizaĝon. Blonda hararo ĉirkaŭas akran frunton, kaj ĉapelo kaj mantelo de sinjorino briletas.

„Ekstaru do!" avertas la sama voĉo.

Nur nun la silenta preĝantino komprenas, kion la fremdulino postulas. Plenkonfuzite ŝi ekstaras. Tremante ŝi altiras al si la knabon; kaj al la forrapidanta virino estas, kvazaŭ ĉiu konas ŝin kaj ŝian malhonoron; kvazaŭ ŝi mem en ĉi tiu momento faras ŝtelon.

Sur la benko post la kolono ŝi fale sidiĝas. La prediko komenciĝas. La bedaŭrindulino apenaŭ kuraĝas levi la kapon.

Sur la predika pupitro staras rondstatura maljunulo. Kion li diras, sonas al ŝi kiel fremdlingvaj vortoj. Abundeco kaj diboĉado estas pekoj de riĉa antaŭurba komunumo, kiuj ne havas ion komunan kun la malriĉeco kaj mizerego de ŝia koro. Neniam ŝi sentis sin pli soleca, pli senkonsola. Ĉirkaŭe nur fremdaj, indiferentaj vizaĝoj; kaj de supre vortoj, kies sencon ŝi ne komprenas. Dio nur estas por la distingitaj homoj! Dio, la eterna kara Dio, forgesis la edzinon de la krimulo!

Jen la rigardo de l' malfeliĉa virino tuŝetas la knabon, kiu dormetante en senkulpeco ripozas apud ŝi — similulo de tiu, kiu kaŭzis la malhonoron. Ĝis nun ŝi ne kapablis revidi lin; sed nun subite ŝia koro sopiregas al li.

Per larmobriletantaj okuloj la patrino rigardadas sian infanon kaj karesas ĝiajn vangojn. „Mi songis," flustras la etulo ekvekiĝante. „Mi estis ĉe mia patro! Aĥ, aĥ, patrino, ni iru al li! — Kaj ankaŭ la kara Dio tie estas!"

Pasie ŝi alpremas al si la knabon. „Jes," flustretas ŝia buŝo, „jes, ankaŭ mi nun tion kredas! Dio estas ĉe patro, kaj mi serĉis Lin ĉi tie!"

Vespero. La infanoj litripozas. Nur la patrino ankoraŭ laboras per nelacigeblaj manoj.

Post tagmezo ŝi estis ĉe li. Ŝi vidis lin en griza malliberula jako, vidis lin kun haro tondita. Ĝenufalinte li kisis ŝiajn manojn; ploris kaj ridis kiel infano, konfesis ĉion kaj jurpetis, ke ŝi ne perdu la kredon je tio. „Ne pro mi, sed pro la infanoj mi tiel agis. La amo — via mizero en tempo senlabora mizerigis min!"

Trans la vangojn de la virino, maldormanta ĉe la litoj de la infanoj, perlas larmoj; ĉar tion, kion ŝia animo tiel longtempe vane serĉis — konsolon — ŝi trovis, tie, kie ŝi malpleje ĝin atendas. Sed ŝi firmtenas la dolĉe-maldolĉan konsolon kaj neniam lasos ĝin. „Ne pro mi; sed pro la infanoj mi tiel agis! La amo, via mizero mizerigis min!"

Malsato dolorigas! Tion ŝi spertis. La zorgo pro la ĉiutaga pano forte premas. Kiel ŝi nur povis malkonfidi la patron de siaj infanoj, kiel sin deteni de li tiel longtempe? Antaŭ ŝi kuŝas la malfacile perlaborita mono de la edzo. Hontigon ŝi eksentas. Ĉion li donis al ŝi! Ĉiom por la infanoj, neniom por si mem.

Kaj same kiel matene en la preĝejo, la edzino de la pundomano nun genuas antaŭ la litoj de siaj karuloj. Pro la infanoj la terura disigo ekestis inter ŝi kaj la edzo. Sed unu el liaj infanoj ankaŭ denove montris al ŝi la vojon de la devo, kiu kondukas al la patro, kaj ĉia konsolo estas ĉe — li!

„Patrino!"

„Kion, infano?"

„Panon, panon, patrino!"

La kompatinda patrino interfingrigas la manojn. Almozpeti? — Prefere morti! Sed la infanoj rajtas vivi, tial . . .

Virino ne vualas sian vizaĝon, sed viroj estas vualitaj. Atinginte maturecon, viroj portas pecon da nigra, blua aŭ blanka ŝtofo ĉirkaŭ la tuta kapo tiel, ke nur la okuloj estas videblaj. Oni diversmaniere hipotezas pri la deveno de tiu malfeliĉo super la viro. Kelkaj pensas, ke tuaregoj portas vualon por ne esti identigitaj dum siaj atakoj sur vojoj, aliaj pensas — pro kredo je malbona rigado. La tribo mem ne scias ĝian devenon; sed, kiel ĉe ĉiuj primitivaj popoloj la morala kodo estas enkarnigita en legendojn, ĉe ili ankaŭ la moroj estas leĝigitaj en legendoj, kaj de virinoj transdonataj al la posteularo. La legendo rakontas, ke foje, atakite de fremda popolo, la viroj estis venkataj kaj forkuris, lasinte sian armilaron. Tiam alkuris la virinoj, kaptis la lasitajn lancojn kaj glavojn, kaj la venkita malamiko devis fugi. De tiu tempo la viroj portas vualon por ne esti identigitaj dum siaj atakoj sur iĝo. Etiketo postulas, ke tuarego neniam depreni tiun vualon, eĉ dum dormo. La manĝon li portas sub la vualon al la buŝo.

La popolo estas altkreska, belforma, intelekta. Ili naskiĝas helaj, sed poste la klimato brunigas ilin. Virinoj havas longajn nigrajn harojn kaj grandajn okulojn esprimplenajn. Nigra tuniko, zonita per diverskolora ŝtofo, kovras la virinon vestaĵon. Sur ŝia vizaĝo, kiun, por pliheligi, la virino kolorigas per okro, estas tatuita blua kruceto. Probable, antikva kutimo de prapatraj berberoj, kiuj sekvis la egiptan kulton de adorado de Faliso, organo de vivo, kaj kies simbolo estis kruco.

Mane perlabori por sia vivo ĉi tiuj sinjoroj de la dezerto konsideras malnoblige. De nememorindaj tempoj ili proklamas sin gardantoj de teritorioj, okupataj de diversaj triboj. Ili zorgas, ke la putoj estu en ordo, atentas, ke la karavanoj de iliaj klientoj iru libere, kaj aliaj, kiuj ne povas eviti tiujn putojn, pagu al ili tributon, se ili volas daŭrigi la vojon en sekureco. Tiuj, kiuj ne pagas, estas prirabataj. Eterna nomado, tuarega nobelo scias astronomion, konas ĉiujn vojojn en la dezerto kaj ĉiujn putojn. Tio faras lin reganto de la dezerto.

Dum sezono de rikolto de daktiloj la tuaregoj iras tendumi ĉirkaŭ oazoj. Ili protektas la oazojn. Dum tiu tempo ili vivas per produktoj, kiujn la oazanoj devas doni al ili kiel tributon por la protekto. Dum alia sezono ili akompanas la karavanojn tra la dezerto; tiam la vojaĝantoj devas ilin nutri. Inter ĉi tiuj du sezonoj ili vivas apud siaj servutuloj, kies devo estas nutri siajn sinjorojn. Ili konsideras la invadon de teritorioj de aliaj triboj kaj forkondukon de kameloj aŭ forprenon de peco da tero, bona paŝtejo por siaj kameloj, kiel la plej profitodonan okupon. Dum rabada ekspedicio la servutuloj devas akompani siajn mastrojn kaj ricevas ankaŭ parton de la rabaĵo. La tuaregoj konsideras invadojn kaj rabadon tute leĝa, honora kaj heroa ago, sed ŝtelado estas senhonora kaj punata.

Servutulo, kvankam de la sama raso, kiom brava kaj riĉa li estu, por ĉiam restas servutulo. Distingo inter li kaj sklavo estas nur, ke li ne povas esti vendata. Interedziĝo kun nobelino donas al infano de servutulo nomon »Imr« = duonnobelo. Imr estas tre fiera esti unu el aro da rabantoj. Li miksiĝas kun nobeloj, partoprenas en iliaj kunvenoj. Imr'oj estas korespondaj al nia burĝa klaso inter la militista nobelaro. En ordinara vivo la Imr'oj estas pli liberaj kaj akiras pli da riĉaĵoj ol iliaj sinjoroj. Sinjoroj eĉ favoras, ke servutuloj riĉiĝu per bestoj; ĉar ĉiam povas veni tempo, kiam sinjoroj havos bezonon; tiam ili prenos de servutuloj, kaj tiuj, certe, ne kuraĝos rifuzi al ili.

La virino estas estrino de la familio. La infanoj apartenas al la patrino. Ŝia socia pozicio, ne la patra, transiras al la infanoj. Se la patrino estas nobela kaj la patro — servutulo, la infano estas Imr. Viro Imr kaj virino nobela, la infano — nobelo. La patrino estas la edukistino de siaj infanoj. Ĉiu infano scias legi kaj skribi en la antikva tuarega lingvo. De patrinoj la idoj lernas verki poezion kaj poemojn. Al knabinoj, krom tio, la patrino instruas laborojn el ledo, fari diverskolorajn desegnojn kaj ludi unukordan violonon. Granda nombro da kantoj kaj poemoj rakontas pri la animo de tiu tribo. En siaj preskaŭ malplenaj tendoj la nobela virino pasigas sian tempon aŭ farante ornamaĵojn el ledo, aŭ ludante violonon, aŭ verkante kanton. La laboron, kiel melkadon kaj nutradon de kameloj, faras la kelkaj sklavoj. Ne estas eble teni grandan nombron da ili, ĉar al sinjoroj sufiĉas iom da kamela lakto freŝa aŭ acida, fromaĝo aŭ ranca kamelbutero. Negrinoj vartas iliajn infanojn.

Estas fraŭlino, kiu elektas sian fianĉon dum la tribaj festoj »Ahal«, al kiuj venas viroj el malproksimaj lokoj. Tie viroj kaj virinoj montras siajn kapablojn en poezio, kantoj, muziko; viroj sin montras en bravulaj ekzercoj. Dum ŝercaj ludoj, la fraŭlinoj rajtas sidiĝi sur la genuojn de sia amindumanto kaj eĉ kisi lin, sed nur sur la vangojn kaj la nazon, kiun, por tiu speciala ago, li montras super la vualo. Li ne povas ŝin kisi, la vualo ne permesas. Knabinoj edziniĝas je la aĝo de 18—25 jaroj kaj viroj inter 30—45.

La edziĝfesto daŭras sep tagojn. Dum tiu tempo la novgeedzoj restas en sia tendo kaj ricevas vizitantojn dum tuta tago. Novedzo devas resti en la tendaro de la tribo de sia edzino almenaŭ unu jaron. En la daŭro de tiu tempo ili ofte tendumas fore, kaj tiamaniere ŝi alkutimiĝas forlasi siajn parencojn. Post unu jaro ili povas forlasi la tendaron de la edzino.

Se edzo mortas, la vidvino funebras kvar monatojn kaj kvar tagojn. Dum tiu tempo ŝi ne kombas siajn harojn kaj, anstataŭ porti sandalojn, ŝi portas botojn.

Eksedziĝo estas tre facila, la edzino simple foriras al siaj parencoj, kie kutime troviĝas ŝia doto. Eksedziĝoj estas maloftaj.

La familia vivo iras glate, ĉar ili ne havas multe da infanoj. Vivo en severaj naturaj kondiĉoj, kie mankas nutrado, diktas al geedzoj limigadon de naskiĝoj, kaj ili praktikas specon de maltusanismo.

Post perdo de sia libereco, la tuaregoj estas malpermesataj de siaj francaj regantoj daŭrigi kelkajn el siaj moroj, speciale rabadon sur karavanaj vojoj kaj invadojn de najbaraj oazoj — la sola vivrimedo de la nobela klaso.

Scienca misio al Hoggar trovis dum elfosado en tuaregaj tomboj signojn ke, en antikva tempo, fenikoj komercis kun loĝantoj de Saharo.

Tereza Yelland.



**Esperanto dum maskobalo.**

La elegantaj maskobaloj dum la karnavala sezono estas ĉie bona okazo por propagandi nian lingvon per konformaj kostumoj. Ĉisupra bildo montras gesamideanojn ĉe Verda-Arĝenta Reduto de la Odd-Fellow-loĝioj en Berlino. La kostumo de la fraŭlino (Lilli Kayser, sekr. de Berlina Esperanto-Societo) estas farita el arĝentaĵo, la steloj estas el verda atlaso. La kostumo portas grandan stelon ankaŭ sur la dorsa flanko. La sinjoroj estas: Ernst Kayser (sidanta) kaj Helmut Russo (staranta).

# El Scienco kaj Tekniko.

**La fino de la tero:**

**„La luno falegos", sed ne dum la venontaj bilionoj da jaroj.**

„La tempo venos, kiam la tero ĉesos rotadi, kaj la luno falegos sur-nin."

Tiun ĉi antaŭdiron pri la fatalo de l' tero, Sir Oliver Lodge — la scienculo — donis al sia aŭskultantaro, kiam li prelegis en Londono pri „La naskiĝo de la luno".

Li tamen certigis, ke tio ne okazos dum la venontaj milionoj kaj bilionoj da jaroj.

„La rapideco de la rotado de l' tero laŭgrade plimalgrandiĝas, kaŭze de la frotado de l' tajdoj," li diris, „sed vi ne devas esti nervemaj, ĉiu tago estas nur unu ducent-kvardek-milionona parto da sekundo pli longa ol la antaŭa tago.

La luno neniam plu rotadas, ĉar la tero kaŭzis tajdojn sur ĝi, kaj ĉesigis la rotadon.

Foje, kiam la tero rotadis tiel rapide, ke la tago havis nur kvar horojn, la luno estis parto de la tero, sed ĝi derompiĝis de la tero kaj de tiam ĝi, iom post iom, moviĝadas pli malproksimen.

En la daŭro de l' tempo la rotado de l' tero ĉesos, kaj la procedo okazos renversite, kaj la luno revenos kaj falegos sur sian naskiĝlokon."

F. R. A. McCormick, Dublin.

**La sunradioj; — ne maltrankviliĝu!**

Fakuloj deklaras, ke la nuna substanco de la suno sufiĉas por provizi nin je varmo kaj lumo dum la sekvontaj dekkvin trilionoj da jaroj, kaj ĉar ekzistas

„Laboron! Donu laboron!" Ŝiaj vortoj sonas preskaŭ minace".

Kiam ŝi ankaŭ hodiaŭ kun sia legomĉaro vane iradis de pordo al pordo, malespero ekregis ŝin. Kuraĝe ŝi eniris unu el la grandaj luksaj domoj. Ŝi ja ne almozpetas. Nur la rajton al laboro oni lasu al ŝi.

„Laboron, bona sinjorino?"

Jen la malfeliĉulino subite ektremas. Antaŭ ŝi staras la sinjorino, kies akran vizaĝon kun mallarĝa kurba nazo ŝi opinias koni. Ekmemorante ŝi jam scias, al kiu la destino kondukis ŝin. Jam ŝi volas forrapidi — rifuĝi.

Sed la vizaĝesprimo de la fremda virino ŝanĝiĝas. Rideto bonvola, laŭŝajne komprena, ĉirkaŭludas ŝiajn lipojn.

„Ĉu vi ne estas la sama, kiu sidis kun la knabo sur mia preĝeja seĝo? Mi jam pensis, ke vi — hm — kaj nun vi petas pri laboro! Tio estas alia! Eniru!"

La malriĉulino reprenas kuraĝon. La malluksa matena vesto kaj la ŝlosilkorbo montras, ke la estrino estas vera mastrino, kiu malgraŭ la briliantoj en la orel-ornamaĵo prizorgas sian mastrumaĵon.

Baldaŭ poste la demandantino scias ĉion, kion ŝi deziras scii; ĉar kompato en mizero igas babilema.

„Via edzo ŝajnas esti danĝera individuo; sed laboron vi havu! Tuj morgaŭ vi povos komenci!" estas la decido. „Ni lavados!"

La rakontintino jam pentas sian troan malkaŝemon. La patro de ŝiaj infanoj danĝera individuo!! — Akre rifuzanta kontraŭdiro jam ŝvebas sur ŝiaj lipoj; sed ŝi memoras pri siaj malsatantaj infanoj. Ŝi silentas. Trovis laboron kaj — panon!

De nun la edzino de la pundomano regule eniras la domon de la riĉulino. Ĉiutage ŝi ricevas viandon kaj supon. Kaj je kristnasko la konsul-edzino donacas al la geknaboj varmigajn pantalonojn kaj vestaĵojn. Sed sian opinion ŝi konservas. „Via edzo estas danĝera homo. Estas bone, ke li troviĝas en pundomo; mi efektive ne volus renkonti lin!"

„Sed li ne ĉiam restos tie!" diras la bedaŭrinda virino, laŭte pensante pri tio, kio plenĝojigas ŝian koron, kion ŝi ĝis nun timeme kaŝis al sia bonfarulino. „Mia edzo estos libera antaŭtempe, li mem tion diris al mi!"

„Hm, — sed ĉu vi vizitas vian edzon?"

La edzino de la krimulo kapjesas kaj fervore rakontas pri la pento de la kompatindulo; kiel nur la sola penso, kaŭze de bona konduto reesti libera antaŭtempe, por denove esti kune kun ŝi kaj la infanoj, konsolas lin.

„Kune, — kune kun la infanoj? Ne, ne! Viaj amindaj bonanimaj infanoj? Pro Dio, ne! Mia edzo parolos kun vi! Ni ja interesiĝas pri vi, tion vi sciu! Mia edzo havigos al via edzo okupon; eble en unu el siaj magazenoj! — Sed ke vi kaj la infanoj denove estu elmetataj al ĉiaj moralaj danĝeroj, ne, tio ne okazos, ne devas okazi!!"

La edzino de la ekzilito ridetas; ŝi kapbalancas. Sed la alia parolas longtempe. Iom post iom duboj ekestas. Kiel — se la saĝa virino, sendube favoranta ŝin kaj la infanojn, estus pli akrevida? Kiel, se ŝia edzo duafoje fariĝus krimulo, se tia ekzemplo malbonigus la morojn de ŝiaj infanoj? Se ŝia bonfarantino demetus sian savintan manon, kaj ŝi ree starus sola en mizero kaj malhonoro?

Jam ŝi ŝanceliĝas! Jam ŝi kredas, esti venkita per la konsentigo-lerteco de la alia. — Sed kiam ŝi hejme, pro sovaĝa doloro malatentante ĉian singardon, demandas siajn karulojn: „Ĉu vi deziras loĝi ĉe la riĉulino kaj ĉiutage manĝi bongustaĵojn, aŭ ĉe patro, nia patro, manĝi pene perlaboritan panon kaj neniam forgesi, ke patro pro ni estis en pundomo?" tiam ŝia turmentata koro scias, ke ĝi elektis, ke ankaŭ la lasta tento estas forprenita de ŝi. Image ŝi jam vidas, kiel la pordo malfermiĝas, kiel la patro ŝanceliĝas trans la sojlon, kaj, ĉiujn ĉirkaŭprenante, ploras kaj ridas! Sceno el pli ĝojiga estonteco!

El germana lingvo trad. Heino Heitmüller.

# Vera historio.

En malgranda vilaĝeto, proksime de Cl., juna paro intencis edziĝi.

„Sed," diris la fianĉo, „sinjoro pastro, mi ne estas kapabla pagi al vi tuj la kotizon por la edziĝa soleno, mi poste pagos."

La pastro estis kontenta; sed post kelka tempo li demandis la junan edzon, ĉu eble, anstataŭ pagi, li volas trafosi lian ĝardenon.

„Bone," respondis la demandito. Kaj jam la saman tagon li aperis en la pastra ĝardeno, komencis fosi, fosadis, demetis sian jakon kaj veŝton, fosis, fosadis kaj samtempe ŝvitegis. Post du kaj duona horoj la mastrino de la pastro observis, ke la ĝardenlaboranto ĉesigis la laboron kaj intencis hejmen iri. Ŝi sciigis tion al la pastro, kiu rapidis en la ĝardenon.

Demandite, kial li volas forlasi la laboron, la juna edzo respondis: „Ho, sinjoro pastro, vi ja laboris por mi nur unu horon, kaj tio ne estis granda klopodo por vi, ĉar mi ne vidis vin ŝviti aŭ demeti vian jakon. Sed mi — mi laboris du kaj duonan horojn; estis granda klopodo por mi, kaj mi multege ŝvitis. Do, mi pensas, ke mi bone pagis vian laboron."

H. W.

# Humoro.

**Kion oni ludas en kinematografo**

(laŭ la afiŝo).

**La unua kiso.** (Daŭras duonhoron.)

**La edzo devas iri eksteren.** (Kvarfoje tage.)

**Kiam ili geedziĝis.** (Je ordinaraj prezoj.)

**Ŝi estas al li malfidela.** (Hodiaŭ la 20-an fojon.)

**Vendita amo.** (Soldatoj malpli rangaj ol serĝento pagas la duonon.)

**La ĉemizeto de la baronina moŝto.** (Pro ĝenerala deziro plilongigita.)

**Kiam ni estas maturaj ami.** (Ĉiutage je 2, 4, 6 kaj 8 h. vespere; dimanĉe ankaŭ antaŭtagmeze.

T. N.

la ebleco, ke la suno dum sia vojaĝo tra la steloj ankoraŭ pli proviziĝos, oni povas supozi, ke tiu periodo estos eĉ pli longdaŭra. Tio por trankviligi kelkajn homojn, kiuj opinias, ke la suno post dek milionoj da jaroj ne plu funkcios! W. K.

**Flugado per elektra energio ĉerpita el la aero.**

La ĵurnaloj publikigas raporton el New York pri nova modelo de motoro, kiu estas funkciigata per elektro-magnetismo. Oni provis ĝin lastan semajnon en kampo apud Detroit.

Ĉi tiu mirakla maŝino estas elpensaĵo de s-ro Lester J. Hendershot, elektro-inĝeniero en Pittsburg, kaj oni nun formas kompanion por evoluigi ĝin. Ĝi funkcias per ĝis nun nekonata maniero, kiu estas sekreto. La elpensinto klarigas, ke la energio venas rekte de la elektra kuranto, kiu abundas konstante en la aero kaj en la grundo kaj estas neelĉerpebla. Per la povoj en la motoro mem tiuj potencaj energioj estas transformataj je kinetikaj energioj kaj tiamaniere, oni asertas, povas esti liverataj en efikeco al la helicoj. La modelo uzita estis nur tre malgranda, simila al tiu, kiun oni uzas por vakuum-purigiloj, sed la demonstracio estis impresa. Ĉeestis multaj famaj inĝenieroj kaj aviadistoj inkluzive kolonelo Lindbergh, la fama trans-oceana fluginto. J. D. A.

# Diversaĵoj.

**Mistero de la nombro 28 en Esperanto.**

Originalo de O. D. Ribaulb.

Esperanta aboco (alfabeto) entenas 28 literojn. Zamenhof estis 28-jara, kiam li publikigis sian unuan lernolibron de Esperanto por rusoj, en 1887 (1887 minus 1859 = 28). Dekses reguloj de la fundamenta gramatiko plus du principoj de sufiĉo kaj neceso, plus dek devoj de esperantisto, sume donas 28 gvidregulojn. La unua radikaro (folia vortaro) enhavis 924 elementojn, t. e. 28×33. La kovrilo de la unua lernolibro surhavas: „Dr. Esperanto. Meĵdunarodni jazik", entute 28 literojn en fonetika transskribo. Inter la unua prezento de la lingvo (dum la lernanta festeto, en decembro 1878) kaj la unua prezento de la homaranisma doktrino (en 1906, dum la dua kongreso) pasis 28 jaroj. La titolpaĝo de la unua lernolibro enhavas 28 vortojn: aŭtornomo 2, titolo 2, subtitolo 6, epigrafo 9, prezo 3, eldonloko 5, jaro 1, sume 28. La nomoj de Lazaro Zamenhof kaj Klara Zilbernik estas formitaj el 28 literoj. La Fundamenta Gramatiko okupas 28 paĝojn. Kaj por trovi la nombron de la fundamentaj radikoj vi devas de 2800 subtrahi 28 (restas 2772). Ekzistas ankoraŭ aliaj koincidoj kun la nombro 28, pri kiuj serĉu la leganto, kio donos al li bonegan okazon pli intime ekkoni la bazojn de nia lingvo.

**Ĉu vi scias . . .**

ke la nombro de apartaj ostoj de plenkreskulo estas 254?

ke, kiam homo kuŝiĝas, ĝia koro faras ĉiuminute dek batojn malpli ol kiam li (aŭ ŝi) staras?

ke D-ro Pfuffer, Viena specialisto, konkludis, ke niaj oreloj pligrandiĝas? Li konkludis tion post diversaj mezuroj faritaj de li. Laŭ liaj konstatoj, la homaj oreloj de ĉiu generacio pligrandiĝas. Li atribuas tiun aperaĵon al la plimultiĝo de la diversaj sonoj en la hodiaŭa vivado, precipe en la grandaj urboj. (? Red.)

ke la Fox-Film-Korporacio posedas tricent kinematografajn teatrojn ĉe la okcidenta bordo de Usono? La koncernaj teatroj reprezentas valoron de 100 milionoj da dolaroj.

ke la vokaloj konsistigas ĉ. 43% de la literoj en Esperanto-tekstoj? (Ĉe tio la „j" kaj „ŭ" estas kalkulitaj kiel konsonantoj.)

ke en Danujo oni eldonas adreslibrojn, ĉe kiuj post la nomoj de la civitanoj estas indikita, kiom da imposto pagas ĉiu unuopa civitano.

ke la angla urbo Manchester decidis forigi el la publikaj parkoj ĉiujn tankojn kaj kanonojn tie starigitajn kiel memoraĵojn pri la pasinta milito? La urbestraro konsideras ilin senutilaj kaj incitaj. Certe imitinda decido!

**Dumiljara urbo.**

La sudfranca urbeto Carcassonne (pr. karkaso'n), kiu nombras ĉ. 30 000 loĝantojn, festas en tiu ĉi jaro sian dumiljaran ekzistadon. Jam Cezaro starigis tie armilejon kaj tenejon por militmaterialo. Ĉ. la jaro 300 p. K. Carcassonne fariĝis sidejo de episkopo, kaj ĉ. la jaro 450 la okcidentaj gotoj komencis la fortikigon de la urbo. Carcassonne ludis grandan rolon en la albigensaj militoj, dum kiuj ĝi estis ofte la scenejo de sangaj epizodoj. Iel oni komparas Carcassonne kun la germana urbeto Rothenburg, sed sendube la urbeto ĉe la „Canal du Midi" (Suda Kanalo) estas la pli malnova.

# Por komencantoj.

**La urba arbaro.**

Apud la granda urbo kuŝas la urba arbaro. Ĝi estas la pulmo de la granda urbo. Posttagmeze aŭ vespere, kiam ilia laboro estas farita, kaj dimanĉe la urbanoj forlasas la polvo- kaj fumo-riĉan domaregon per tramo aŭ per piedoj kaj rapidas al la urba arbaro, por promeni aŭ ripozi tie.

Meze de la urba arbaro troviĝas bela lageto. Ĉe la rando de la lageto kuŝas multaj remboatoj, per kiuj oni povas fari plezurveturadon sur la glata akva spegulo. Meze de la lageto estas fontano, kiu alten ŝprucigas brilan radion da akvo.

Apud la lageto staras restoracio, kie oni komforte sidas sur la teraso aŭ en la salonoj, trinkante bongustan kafon aŭ bieron kaj manĝante kukon aŭ panon kun butero kaj ŝinko aŭ fromaĝo. Malantaŭ la restoracio troviĝas ludejoj por infanoj kaj plenkreskuloj. Ekzistas tie karuselo, balancilo, tenisejo, sabloludejo ktp.

En la arbaro kuras malsovaĝigitaj kapreoloj. Inter la branĉaro gaje saltetas sciuroj, en la kronoj de l' arboj kantas birdoj. Sur la grundo inter la arboj keskas musko kaj prosperas floroj. Ho, estas belege en la urba arbaro!

Kiam venas la nokto, la urbanoj refreŝigite forlasas la arbaron kaj revenas en siajn hejmojn. Bonan dormon al ĉiu!



# Aldonoj.

Ni petas niajn gelegantojn speciale atenti la diversajn Aldonojn aldonitajn al la hodiaŭa numero de Verda Stelo:

**1. Aliĝilo por la 20-a Universala Kongreso de Esperanto en Antwerpen.** Ni rekomendas grandare uzi la Aliĝilon. Ankaŭ se vi ne povos persone ĉeesti la Kongreson, subtenu ĝin per via aliĝo!

**2. „Die Handels-Hochschule".** („La Komerca Altlernejo".) Prospekto de la firmo „Industrieverlag Spaeth & Linde en Berlin W. 10, Genthiner Str. 42, aldonita nur por niaj germanlingvaj abonantoj en Germanujo, Aŭstrio, Ĉeĥoslovakujo, Polujo kaj Svislando.

**3. Esp. Internacia Literatura Konkurso en Sevilla.** Tiu ĉi prospekto estas aldonita nur al parto de la eldonnombro de tiuj ekzempleroj, kiuj estas abonataj ekster Heroldo. Abonantoj de Heroldo relegu pri la kondiĉoj de la Konkurso en n-ro 47 de 25. 11. 1927.

# Atentu!

Mi serĉas efektivan **lavrimedon por silkaĵoj**, precipe dezirinda estas **„Emsa"-pulvoro.** Ĉar mi ne konas la landon, kie ĝi estas fabrikata, mi petas la estimatajn gelegantojn, sendi al mi adreson de fabrikejo kaj specimenojn de lavilo. La sendontoj de la du unue ricevotaj specimenoj estos rekompencataj per po kvin dolaroj. Ĉe la aliaj specimenoj estos kompensataj la elspezoj.

**M. Jung, Stockholm, Lützengatan 1 n. b., Svedujo.**

# Anoncetoj.

**Jam aperis la „Filatela Terminaro"** de H. M. Scott, LK, en lingvoj Esperanta, angla, franca kaj germana, kun difinoj en Esperanto. Prezo rmk. 0.80 (1 sv. fk.) aŭ egalvaloro. Por afranko aldonu rmk. 0.20, el Germanujo kaj Aŭstrio rmk. 0.10. Mendu ĉe la Libreja fako de Heroldo!

S-ro F. R. Hall, Cannon Falls, Minnesota, Usono, deziras korespondi kĉl. per PI (bfl.) Certe respondos, almenaŭ unufoje.

10 esperantistoj, germanaj, deziras korespondi per PI, PK kaj L pĉt. prefere kun fremdlingvaj samideanoj. Kelkaj ankaŭ interŝanĝas PM. Ni certe respondos. Skribu al Rudolf Hollerung, Asch, Westzeile 8, Ĉeĥoslovakio.

K-do Viktor Oĥinski en Rusujo sendu baldaŭ sian adreson al: Ferd. Settmacher, Wüstegiersdorf n-ro 60, Kreis Waldenburg i. Schl. Germanujo.

S-ro Cappai Giovanni, Cagliari, Via Lamarmora 39/2, Italujo, deziras interŝanĝi PM kaj PI kĉl. kun seriozaj kolektantoj.

Interŝanĝon pri plantado de floroj deziras s-ro Eugeno Muĥataev, Serpuĥov, Ulica Krasnoarmejskaja, Ruslando.

Mi deziras korespondadi kĉl., precipe kun belgo, per L. Francisco Morvai, Rákospalota, M. A. V. telep 1, Hungarujo.

S-ro Miltijadi Filipov, Petriĉ, ul. Varoŝ 342, Bulgarujo, deziras korespondi per L kaj PI kaj interŝanĝi gazetojn kĉl.

S-roj Robert kaj Pierre Renaud, 36 rue St. Michel, Chartres (E. et L.), Francujo, deziras interŝanĝi PM kaj PK kĉl. Nepre respondos.

Juna laboristo deziras korespondadon. Eugen Thunell, Nyberget, Morgardshammer, Svedujo.

La Sovet-Unio havas ankaŭ sian fakon en la Tallinn'a foiro. Al iu maljunulino tre plaĉas la tie elmontritaj porcelanteleroj, kaj ŝi volas, admirante, preni unu el ili por rigardi ĝin de pli proksime. La ĉeestanta deĵoranto petas ŝin ne mantuŝi la objektojn. La maljunulino faras grandajn okulojn:

— Kio?! Ankaŭ ĉi tie homo ne havas liberecon?

(Laŭ „Päevaleht" trad. M. Gr.)

Hieraŭ min vizitis geŝianĉoj. La feliĉa fraŭlo prenis sur siajn ŝultrojn mian kvarjaran filineton, kiu tiam subite diris al mi: „Patro, donu al mi mian pupon, mi petas!" Post kiam mi faris laŭ ŝia volo, la malgranda I . . . kriis: „Nun mi estas Mario kun la knabeto Jesuo, ĉar mi ja sidas sur azeno!" H. Br.

# Enigma konkurso.

**La ses abonantoj, kiuj komence de la januara numero ĝis novembro 1928 estos solvintaj la plej multajn enigmojn, rajtos elekti librojn el la propra eldonejo de „Heroldo de Esperanto" je valoro de rmk. 5.—. La solvoj de la enigmoj en la hodiaŭa numero devos alveni ĝis 15. 4., el transoceanoj landoj ĝis 15. 6.**

**1. Silab-enigmo.**

De K. H. Wernicke.

a, ar, bar, bi, bo, ci, co, co, do, e, ek, en, gi, i, ja, jo, ka, ki, kva, lan, lo, lu, mo, na, ni, o, o, o, o, po, ra, ro, ro, ro, sa, sak, su, tek, ten, ti, to, to, to, tu, tu, u, ven, ver, zo.

El ĉi-supraj 49 silaboj estas formotaj 14 vortoj, kies unuaj kaj kvaraj literoj, legataj de supre malsupren, nomas internacian Esperanto-asocion kaj ĝian mallongigon.

La vortoj signifas: 1. muzikaĵo, 2. diino de la greka mitologio, 3. moko, 4. naturaperaĵo, 5. fremdlanda, 6. manĝebla planto, 7. germana ŝtato, 8. arbo, 9. armilo, 10. konstruarto, 11. scienco, 12. ago aŭ parolo ĉe renkontiĝo, 13. poveco, 14. matematika esprimo.

**2. Krucvort-enigmo.**

| | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| ● | 1 | | 2 | ● | 3 | | 4 | ● |
| 5 | | ● | | ● | | ● | 6 | 7 |
| 8 | | 9 | | | | 10 | | |
| | ● | 11 | | ● | 12 | | ● | |
| 13 | 14 | | | | | | 15 | |
| 16 | | ● | | ● | | ● | 17 | |
| ● | 18 | | | ● | 19 | | | ● |

La **horizontalaj** vortoj signifas: 1. balanci por dormigi, 3. frukto, 5. artikolo, 6. sufikso, 8. veturilo, 11. sufikso, 12. prefikso, 13. nederlanda urbo, 16. prefikso, 17. komencliteroj de la nomo de malnova fama esperantisto-tradukisto, 18. konjunkcio, 19. metalo.

La **vertikalaj** vortoj signifas: 1. prepozicio, 2. floro, 3. vivpriskribanto, 4. franca vorto por reĝo, 5. biblia nomo, 7. metalo, 9. trinkujo, 10. florejo, 14. diservo, 15. tranĉa.

La vortoj estas sen gramatika finaĵo.

**3. Antaŭmet-enigmo.**

De Chr. H.

Al ĉiu el la vortoj „teo, lato, preso, bulo, mito, pezo, rando" estu antaŭmetata po unu el la silaboj „ob, ve, ci, ne, er, al, tra", tiel ke ekestu novaj vortoj. (Ekz. des + poto = despoto.) La komencliteroj de la ĝuste trovitaj kaj ordigitaj vortoj nomos moneron de Suda Ameriko.

**(Solvoj en la maja numero.)**

**Solvoj**

de la enigmoj en n-ro 1.

**1. Silab-enigmo.**

1. Vagabondo, 2. Erinaco, 3. Restoracio, 4. Derviŝo, 5. Anteno, 6. Skarabo, 7. Trupo, 8. Espero, 9. Lernolibro, 10. Ordono. — Verda Stelo, Antverpeno.

**2. Krucvort-enigmo.**

**Horizontale:** 1. par, 3. kat, 5. aer, 7. en, 9. el, 10. ci, 12. elast, 16. mb, 18. ari, 19. kie, 20. fest, 22. kalk, 23. tro, 25. erp, 26. rinocer.

**Vertikale:** 1. pacifik, 2. re, 4. apart, 5. al, 6. rubekol, 8. ne, 9. et, 11. ide, 13. la, 14. si, 15. mil, 17. astr, 19. kapr, 21. tri, 22. kre, 24. on, 25. ec.

**3. Kaŝ-enigmo.**

Fabo, oleo, rumo, truo, evoluo, peno, ideo, akto, nesto, osto. — Fortepiano.

La enigmojn en n-ro 1 solvis:

Solvis 3 enigmojn: Arger, Baboss, Baird, Bezençon, Bonnevie, Bräuer, Charon, Csader, Dittrich, Donath, Drazdauskas, Dubinski, Düringer, Dutschmann, Ellerbeck, Fischer, Gensch, Grodl, Gurányi, Hammermeister, Homann, Hörning, Koschtalek, Indra, Jagomae, Jeremies, Kimmel, Klančik, Kolodziej, Kösters, Krämer, Kronheim, Kronk, v. Laban, Meinel, Möbusz, Montezemolo, Neuchâtel (Esp.-grupo), Nischwitz, Petzold, Plehn, Rambousek, Reinhart, Salin, Schiebl, Schöttl, Simmons, Sommer, Spindler, Stein, Strausz, Ŝirjaev, Vlcková, Weickhmann, Weleminsky, Werner, Wicke, Wilke, Zisovsky.

Solvis 2 enigmojn: Aziz Yazdi, Della Savia, Dratwer, Klein, Kristjánsson, Rothgerber, Savicki, Wipplinger.

Solvis 1 enigmon: Bernatschek, Zebrowski.

**Al A. Ge., H. Ho., A. Kl. kaj aliaj.** Bonvolu atente skribi! En viaj solvoj vi faris multajn skriberarojn.

**Al J. D., H. Ha., R. Ho., H. Ni., D-ro W. kaj aliaj.** Neniam skribu la solvojn el du numeroj sur sama karto aŭ folio; per tio vi faras al ni ekstran laboron kaj povas okazi, ke ni erare malatentas unu el ambaŭ solvoj.

**Al A. Ja.** Certe ankaŭ la abonantoj de Heroldo rajtas partopreni la enigman konkurson, ĉar ili samtempe estas abonantoj de Verda Stelo.